2.ª Ep. AÑO VII N.º 37 (173) MAYO - JUNIO 1969




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# 29ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Angulo de la historia parto de la Laguna: Ĉefenirejo al la malnova liceo, instalita en iama monaĥejo, kie pompas subtropikaj arboj.

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Str. Torre Nueva, 30, 1.° ZARAGOZA
Redacción y Administración:
Secretaría: Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.
Director: Domingo Martínez Benavente

ADRESOJ

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.°
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.°
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Bassegoda, 40, 3 - 1
BARCELONA - 14

Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.° Marina Moreno, 35, 4.° dcha.

Ĉekkonto: n.° 17917, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.



MENDU JAM:

Belajn glumarkojn de la 29 a H.E.K., folio ses glum. 3 ptoj.

Belajn bildkartojn de la 29-a H.E.K., unu 3 ptj

Afisojn de la 29-a H.E.K., unu dek ptoj.

Poŝkartojn de Semajno I.A., deko, 10 ptoj.

## De Secretaría

En el último número os hablé del entusiasmo y esfuerzo de nuestros compañeros y de la buena acogida que por parte de las Autoridades tinerfeñas ha merecido la organización del 29 Congreso Español de Esperanto; todo ello, como decía, es motivo más que suficiente para que todos procuremos asistir al mismo, pero hay algo más, algo que ninguno podemos olvidar, y es que, durante el Congreso, la Federación celebrará su Junta General. Pensad en la importancia de los asuntos a tratar y estoy segura de que no faltaréis a esta reunión anual de los esperantistas españoles.

---

Con gran satisfacción hemos recibido un ejemplar del diario portugués "República", en el que aparece un interesante artículo de don Virgilio Portela, titulado "O Esperanto através do mundo", seguido de información esperantista de distintos países.

Quiero agradecer de un modo especial al señor Portela el haber dedicado la información española al homenaje que con ocasión de la fiesta conmemorativa del 15 de diciembre, nos dedicó el Grupo "Frateco", de Zaragoza, a las hermanas Gastón, así como las palabras amables que él añade a la información.

---

Los esperantistas de Mieres han invitado a la Federación, para que celebre su 30 Congreso Español de Esperanto en esa industriosa ciudad asturiana.

La invitación ha venido acompañada de una atenta carta del Ilmo. señor Alcalde, en la que aparte de manifestar su deseo de que se celebre allí el Congreso, ofrece su apoyo al mismo.

El acuerdo de dónde habrá de celebrarse el Congreso en 1970, deberá ser tomado en la próxima Junta General, pero la Directiva de la Federación agradece de antemano la invitación y ofrecimiento.

---

Como en años anteriores, se solicitó la concesión de matasellos conmemorativo de nuestro 29 Congreso Español de Esperanto, y una vez más hemos de agradecer a la Dirección General de Telecomunicación, la concesión del mismo.

La Secretaría de la Federación estará *oficialmente* cerrada desde el 25 de junio hasta el 1 de septiembre.

# Fundación «Esperanto»



Con fecha 8 de abril de 1969, el Excmo. Sr. Ministro de Educación y Ciencia ha aprobado la clasificación como «benéfico-docente» de la Fundación constituida por la Federación Española de Esperanto y los Estatutos por los que ha de regirse, como también la constitución del Patronato que estatutariamente ha de presidir el que presida la dicha Federación, la cual ha tratado, con esto, de abrir el debido cauce a los donativos o legados que tiendan a estimular la enseñanza del idioma auxiliar Esperanto y el aprovechamiento de los alumnos que lo estudien con becas y premios que, incluso, podrán llevar el nombre del donante.

La Federación Española de Esperanto, a la par que se siente satisfecha de haber logrado esta aspiración suya, agradece de todo corazón al Excmo. Sr. Ministro de Educación y Ciencia y a cuantos han colaborado en la tramitación del expediente, la clara visión de estos objetivos benéfico-docentes que ella, con esta Fundación, perseguía.

MIGUEL SANCHO IZQUIERDO
*Presidente de la*
*Federación Española de Esperanto*

*Pri la somera ĉeffesto de nia nunjara kongresurbo*

# Kruce kaŭ Pluge



**Pilgrimo de Sankta Benedikto, Folklora kamparanino**

La kamparanoj de Tenerifo adoptis Sanktan Benedikton kiel sian ĉielan ŝirmanton. Sankta Benedikto, kiu vivis en la 6-a jarcento, estis homo ja antaŭ ĉio dediĉita al la dia kulto, sed li ne apartenis al tiuj, kiuj, pro multa ĉiela kontemplado, forgesis la piedapogan nutroteron. Kiam Sankta Benedikto vivis apenaŭ ekzistis moralaj valoroj, post la ruiniĝo de la Romia Imperio kaj ĝia sekva angoro, ĝia materia kaj morala konfuziĝo. Sed super tiuj ekstremaĵoj ĉefe plagis la tiutempajn homojn la malabundego de la ĉiutaga pano. Sankta Benedikto do sin aplikis al riparado de ambaŭ mankoj, la morala kaj la materia. Tial, kiam li organizis siajn monaĥejojn, li eksplicite fiksis al siaj monaĥoj, aldone al la preĝodevo, la devon de la manlaboro. Tiutempe "laboro" ne povis esti komprenata alimaniere ol kiel "terkulturado". Tiel ĉiuj benediktanaj prioreĵoj aŭ abatejoj fariĝis agrikulturaj kolonioj, ĉirkaŭ kiuj ekkreskis multaj mezepokaj komunumoj. Dum la mezepoko multaj eŭropaj vastejoj ekforlasis sian paŝtistan ekonomion nur kiam la monaĥoj de Sankta Benedikto ekinstruis al la loĝantoj la kultivarton.

Nu, la kamparanoj de Tenerifo, grupigitaj unue ĉirkaŭ sia ĉef-urbo La Laguna, kiel supre dirite, ekde la unuaj tempoj post la fondiĝo de la eŭropa insula socio havas kiel patronon de siaj ŝvitoj kaj de siaj ĝojoj ĝuste tiun grandan apostolon de la laboro. Tial estas tradicie, ekde tiuj malnovaj tempoj, aranĝi multkoloran pilgrimadon al lia sanktejo ĉe la rando de La Laguna. Kun la pasado de la tempo, la antaŭe ĉefe nur bukolika pilgrimado, *fariĝis pli festeca*, pli artisma, kun dancoj, muziko, kantoj kaj aliaj folkloraĵoj. Sed la ĉarmo de la iamaj bestoj kaj ĉaroj, puraj kaj ornamitaj, kiuj sekvis la sanktulon, ankoraŭ restas same viva.

La tuto havas apartan signifon en la tenerifa vivo. Jes ja, Kanariaj Insuloj disfamiĝis en la mondon per siaj eksportovaroj, kiel ekzemple sukero, vino, koĉenilo, tomato, banano. Sed sen la ĉiutaga pano el tritiko, hordeo, seka-



Pilgrimo de Sankta Benedikto, Folklora ĉaro.

lo; sen sia rustika vino kaj aliaj humilaj kamparanaĵoj, kiuj nutris tiom da generacioj, sendepende kaj ne servute laborantaj en la Arĥipelago, la vivo de la kanarianoj estus tute alia.

Tiu honesta kaj noble fiera klaso de etkamparanoj konsistigis la ĉefrisorton de la kanaria raso, de tiu raso, kiu permesis al la insulanoj sin nutri per siaj propraj produktaĵoj, dum longaj jarcentoj, kiam oni ne povis eĉ revi pri importado de sufiĉaj porvivaĵoj. Tiu klaso de liberaj plugistoj donis al Tenerifo, kies ĉefurbo dum jarcentoj estis La Laguna, sian liberan loĝantaron, kun sendependa kaj eŭropeca spirito.

La pilgrimado honore al Sankta Benedikto estas omaĝo de la tuta insularo al tiuj honestaj homoj, kiuj ŝiras el sia tero nian ĉiutagan *gofion,* nian humilan fromaĝon, niajn terpomojn kaj niajn legomojn, sen kiuj, ĉiuj rafinaĵoj de la civilizo gustas nur cindre.

Nunjare, la organizantoj de la fama pilgrimo, bonvolis ĝin okazigi, honore al nia 29-a Hispana Kongreso de Esperanto, unu semajnon pli frue ol tradicie. Ni firme esperas, ke multaj gesamideanoj scios inde taksi tiun geston kaj profiti tiun bonan ŝancon. Ĉar ni estas plene konvinkitaj, ke la eksterinsulaj kongresanoj, kiuj nin vizitos, gardos neforvelkeblajn memoraĵojn pri tiu unika festo. La pilgrimo de Sankta Benedikto estas la ĝoja flanko de tiu harmonia simbiozo, plurjarcente patinita, de la simboloj indikitaj per la titolvortoj: kruce kaj pluge.

Juan REGULO PEREZ
*Prezidanto de L.K.K.*



**Pilgrimo de Sankta Benedikto, Procesio de la Sanktulo antaŭita de infana folklora trupo.**

La ĵus elektita nova H.E.F.A.-estraro en sia unua oficiala kunsido, konstatis ke la plimulto de la fervojista esperantista membraro, ne konas eĉ unu vorton de Esperanto. Tuj oni starigis speciala komisionon kiu post rapida enketo inter diveraĝaj anoj de nia E-sekcio, informis la H.E.F.A.-estraron pri la kaŭzoj de tiu malagrabla afero.

Jen la rezulto de tiu enketo:

Ĉiu fervojisto kiu apartenas al H.E.F.A. kompreneble interesiĝas pri Esperanto. Ĉiu H.E.F.A.-ano, ankaŭ aĉetis lernolibrojn por studi Esperanton sed la plimulto el ili, ne estas kapabla mem lerni ĝin. Aliflanke la diversecoj de horaroj en ilia ĉiutaga fervojista laboro, malhelpas ilian ĉeeston al tiuj lokoj kie oni instruas pri Esperanto. Konklude: La hispanaj fervojistoj ne povas "iri" al esperantisteco.

Analizante la situacion, H.E.F.A.-estraro decidis aranĝi korespondan kurson por tiuj fervojistoj kiuj deziras lerni Esperanton.

Ĉi tiun penigan taskon oni kunigis al tiu jam multa por esperanta laboro de nia I.F.E.F.-komitatano S-ro Devis; tamen ĉi tiu bona esperantisto, ĉiam akceptas plian laboron por nia lingvo.

Ankoraŭ estas frue por konstati la taŭgecon de tiu koresponda E-kurso, sed jam ĉiu lernanto estas tre kontenta pro la ebleco kiun oni donas al ili por ke ili plenumu sian deziron lerni la Zamenhofan lingvon kaj ĉiutage oni ricevas en H.E.F.A.-sekretariejo ne nur informpetojn pri la E-kurso sed ankaŭ novajn aliĝojn al H.E.F.A. rajti partopreni tiun eksterordinaran korespondan kurson tiel bone gvidatan de S-ro Devis.

Laŭ mia opinio, baldaŭ multaj hispanaj fervojistoj uzos la belegan Internacian Lingvon, dank' al tiu interesa kaj facila kurso.

JOSE CEREZO
*Sekretario de H.E.F.A.*




Denove la Oficiala kaj Internacia Specimen-Foiro de Barcelona eldonis afiŝon en Esperanto.

Ni dankas al la Direkcio de ĉi tiu grava Foirkonkurso lian kunlaboron favore al la Internacia Lingvo.



*NIAN KONDOLENCON*

# Alfredo Villa y Villa

Kun profunda bedaŭro ni devas komuniki al la hispana samideanaro ke la 7-an de aprilo, subite forpasis en Gijón, nia elstara samideano kaj kara amiko D-ro Alfredo Villa y Villa.

Esperantisto ekde la dekkvinjara aĝo, li aŭtodidakte lernis la lingvon. Simpla kaj klera homo, lia vivo estis konstanta agado por Esperanto: Prelegoj en kaj pri Esperanto, artikoloj, kursoj... Plurajn kursojn li klarigis en la antikva Laborista Ateneo de Gijón. Fidela al nia idealo, li lernigis al la novaj esperantistoj ne nur la lingvon, sed ankaŭ la Internan Ideon, tiun internan ideon pri frata amo, kiu estas la esenco de nia movado.

La fakto ke klera kaj konata persono kia li estis, interesiĝis kaj daŭre laboris por Esperanto, estis ja, valora propagando por la Internacia Lingvo.

La morto de D-ro Villa y Villa estas grava perdo por ĉiuj: Tiuj, kiuj havis okazon persone interrilati kun li, perdis bonan amikon; la Esperanto-movado en Asturias kompetentan gvidanton kaj la Hispana Esperanto-movado elstaran esperantiston.

PACAN RIPOZON AL LI!!!

H. E. F.

# EL LA SEMAJNO DE INTERNACIA AMIKECO

Post la okazigo de la Semajno de Internacia Amikeco, la Grupo FRATECO de Zaragoza daŭrigas siajn kontaktojn kun la Asocio kaj Trupoj de geskoltoj. Ĉifoje, la geskoltoj okaze de sia festo, invitis la Grupon FRATECO partopreni en iliaj aranĝoj; bedaŭrinde ĉar la vetero estis ege pluva kaj la aranĝoj organizitaj liberaere, la festo ne sukcesis; sed, plej grava fakto estas ke tuj post la ricevo de lernolibro JAMBOREA LINGVO, oni komencos la kurson de Esperanto ĉe la geskoltoj.

En Madrid, la Esperanto-Grupo DIAMANTO sin preparas por labori ĉe la geskoltoj, kaj en Valencia estas la geskoltoj, kiuj sin organizas dum oni atendas la ricevon de la libro JAMBOREA LINGVO.

## INTERNACIA AMIKECO

Se la amo estas la plej pura sento de homa estaĵo, la amikeco aperas kiel komplemento de nia agado en la internacia kampo, se oni uzas ĝin surbaze de sincera homaraneco.

En la homaj interrilatoj, same kiel en la ĝenerala edukado, tiaj spiritaj manifestacioj konsistigas la unikan kaj kapablan instigilon por perfektigi la individuon, ĉelo de la universala familio, por ke li povu tiamaniere kunlabori intense al pacigo de la popoloj.

Laŭ saĝa kaj profunda difino de la forpasinta universitata profesoro D-ro Font i Puig, "Esperanto estas efiko kaj kaŭzo de rezonado kaj amo". Tiel do, ni, la esperantistoj, posedas mirindan instrumenton por kontribui plene kaj efike al plibonigo de l' homaro. Konsekvence, ni neniam forgesu alporti nian sableron al atingo de tiu morala kaj sociologia celo, maksimume, okaze de la Semajno de Internacia Amikeco. J. A.

El informilo de Esperanto-Fako de Klubo de Amikoj de UNESKO.

*Nuntempe, estas favora atmosfero, tion povas konstati tiuj, kiuj volas serioze labori.*

*De la esperantistoj dependas profiti aŭ malprofiti tiun favoran atmosferon.*

*Red.*

# Esperanto en la Praktikon!

Facile tion deziri, diri kaj peti. Sed malpli facile tion efektivigi.

Dum la Viena Konferenco, teknikistoj priparolis, pristudis la aferon. Ĉiuj disiris firme celante klopodi por efektivigo. Sed bedaŭrinde ĉiuj aferoj devas maturiĝi, kaj bonaj kondiĉoj estas necesaj, favoraj cirkonstancoj necesas, por tiu maturiĝo, kaj ĉefe por ke ĝi okazu rapide kaj profunde.

Do la unua agado de ni efektivigota estas okazigi favoran atmosferon. Sen tia atmosfero. Ministro ne konsentas, Direktoro de Entrepreno ankaŭ ne; eĉ petontoj ne kuraĝos peti, se ili antaŭsentas ke ili petos en dezerto.

Por okazigi favoran atmosferon la geesperantistoj devas esti tiel kuraĝaj kiel saĝaj. Kuraĝaj uzi kaj klarigi Esperanton ĉiam, kiam tio estas nun eble pere de niaj organizoj: konante ilin, partoprenante ilin kaj utiligante ilin. Saĝaj ne troigi, ne mensogi. Hodiaŭ ni ne bezonas troigi, ĉar vere Esperanto povas jam multe utili se ni profitas la servojn de niaj enlandaj kaj interlandaj Organizaĵoj, librojn, gazetojn, k. c. Antaŭe ni ne bezonis mensogi, ĉar Esperanto ĉiam estis mirinda lingva solvo kaj noblega nova sento. Neniam mensogo aŭ simpla troigo estas necesaj, sed kontraŭe ili ĉiam estas maldecaj. Afero estas bona aŭ ne; se ĝi estas malbona ni ne devas propagandi ĝin. Se ĝi estas bona sufiĉas diri la veron.

Se esperantisto estas profesoro, ekzemple, plej bone efikos per seriozaj aludoj al la reguleco de Esperanto. Se li estas komercisto, li uzu laŭeble plej ofte. Esperanton por informoj. Se li estas verkisto, li utiligu la naciajn antologiojn en Esperanto, la mirindajn tradukojn el famaj verkistoj Racine, Dante, Goethe, k. c. Ĉiuokaze li povas legi Esperantan gazeton aŭ libron, kiel ordinaran informilon aŭ plaĉilon. Antaŭ kelkaj tagoj en interparolado, ni estis kvar altlernejaj profesoroj. Ĉiuj eldiris ke estas neeble certiĝi kaj senpartie opinii, pri la nuna stato de Ruslando. Unu el ili asertis ke ne konante la rusan lingvon estas senutile iri al tiu lando por intima informiĝado. Tiam mi respondis ke se mi havus tempon kaj monon, nesciante rusan lingvon, mi povus intime esplori la staton de tiu proletarreĝima landego. Miaj kolegoj iom miris pri mia aserto. Mi aldiris ke per Esperanto oni povas interparoladi, fratece interbabiladi, kun senfine da rusoj. Tio pensigis al tiuj kolegoj pri utileco de Esperanto. Post tiu aludo, kiam oni proponos al ili lernigadon de Esperanto en ties respektivan lernejon, ili ne tiel seninterese kaj senscie respondos pri enprogramigo de Esperanto.

Unuvorte, ni profitu ĉiun okazon utili al la internacia lingvo kaj ĝin utiligi. La amasoj ofte nur interesiĝas pri tio, kio aperas *utila,* tuj profitiga. Kaj ne malofte ministro, direktoro kaj ceteraj altranguloj estas, spirite, simplaj amasanoj.

Nek iluziiĝo, nek seniluziiĝo! Ni ne povas ŝanĝi per nia nura deziro la mondon, la kutimon, la direkton de ĉiuj aferoj. Sed ni devas esti certaj ke ni povas multe influi per konstanta ekzempla agado.

Sukcesan *frapon* ni povas certigi nur tiam, kiam frukto jam bone maturiĝis por nia celo. Antaŭtempa frapo ofte malsukcesigas!

Nuntempe ni povas kaj devas konstante agadi per kreado de favora atmosfero. Sed ankaŭ ni devas kuraĝi frapi ĉiam, kiam okazo estas favora!

† *Delfí Dalmau*

## LIA EKSCELENCO PROF. DRO. MIGUEL SANCHO IZQUIERDO, PREZIDANTO DE LA REĜA AKADEMIO DE SANKTA LUDOVIKO

Laŭ propono de la plena kunsido de la Akademio, Lia Moŝto la Ministro de Klerigado kaj Scienco nomis Prezidanto de la Reĝa Akademio de Noblaj kaj Belaj Artoj de Sankta Ludoviko, Lian Moŝton S-ron Miguel Sancho Izquierdo.

La fakto, ke oni nomis Profesoron Sancho Izquierdo, Prezidanto de la Akademio estas plia rekono de la meritoj kaj kapabloj de nia kara Prezidanto.

La Reĝa Akademio de Noblaj kaj Belaj Artoj de Sankta Ludoviko, estas ekde sia fondiĝo en la XVIII-a jarcento, fidela reprezentanto de la Arto kaj la Kulturo en Aragón.

Reliefigi en ĉi tiu okazo la grandan personecon de Prof. Sancho Izquierdo, ne estas necese, vi ĉiuj povis konstati en diversaj okazoj la prestiĝon de nia elstara Prezidanto en ĉiuj medioj.

Al la multaj gratuloj, kiujn D-ro Sancho Izquierdo ricevis, ni aldonas la nian plej sinceran.

*Red*

## PORSCIENCA-FILOZOFIA ALPROKSIMIGO

Kiel en antaŭaj jaroj, ankaŭ dum la lasta novembro, 1968, okazis en Zaragoza, prelegserio, kies ĝenerala titolo staras kape de ĉi tiu informo, kaj kiel en antaŭaj jaroj oni pritraktis temon kiu koncernas Esperanton, por kio la Zaragozaj esperantistoj estis invititaj ĉeesti la kunsidojn kaj partropreni en la postprelegaj diskutoj.

Kelkaj esperantistoj ĉeestis la diversajn prelegojn, kaj, oportune, pridiskutis S-ro Maynar Duplá kaj F-ino Gastón, kiuj de tiam partoprenas plu en la laborkunsidoj por studo de la hispana vortaro, tial ke, Esperanto montriĝis efika laborilo.

## IMITINDA EKZEMPLO

En Zaragoza estas alia trafikpolicano, kiu parolas Esperanton. Apud la manikaperturo li surportos la verdan stelon kaj li ricevos pro tiu lingvoscio apartan pagon, nome, la saman, kiun li jam ricevas pro scio de la franca lingvo.

Ke la afero estas tre serioza, pruvas tio, ke la Magistrato de Zaragoza per oficiala komuniko n.º 9422-a de la 24-a de aprilo 1969, petis al Hispana Esperanto-Federacio ke ĝi nomu voĉdonan reprezentanton por la tribunalo, kiu juĝos pri Esperanto-scio unu urban policanon.

Estas ĝojige konstati, ke iom post iom Esperanto akiras la samajn rajtojn de la naturaj lingvoj.

Oni penadu obligi la ekzemplon!







## LA PALMA

La Palma, estas antonomaze, la verda insulo. Ĝi havas la plej altajn pintojn de la mondo en rilato al sia perimetro. En la centro de la insulo troviĝas la plej granda vulkana kratero ĝis nun konata: la Caldera de Tamburiente, kiun oni proklamis Nacia Parko.

Santa Cruz de La Palma, ĉefurbo de la insulo, kun grava haveno, havas 10.000 loĝantojn kaj konservas rimarkindajn monumentojn.

Plej frekventataj plaĝoj: Puerto Naos, unu kilometron longa, kun tre fajna nigra sablo, kaj Loa Conejos, ankaŭ nigrasabla.

## GRAN CANARIA

La insulon Gran Canaria speciale karakterizas la ravinoj, kiu radias el la centrajpintoj, situantaj je pli ol 2.000 metroj de alteco, ĝis la marbordo.

Las Palmas de Gran Canaria, kun 226.000 loĝantoj, ĉefurbo de la insulo kaj de la provinco Las Palmas, etendiĝas 9 kilometrojn laŭlonge de la marbordo kaj leviĝas kiel Romo, sur sep montetoj.

Inter ĝiaj kvartaloj distingiĝas, pro sia kolonia kaj kanaria karaktero, Vegueta, kie situas la plej elstaraj monumentoj de Las Palmas.

Oni povus difini la insulon Gran Canaria, insulo de oraj plaĝoj. Ĉe la flankoj mem de Las Palmas troviĝas du longaj plaĝoj: Las Canteras kaj Las Alcaravaneras.

Puerto de La Luz, tria haveno en la mondo laŭ trafiko, etendas siajn kajojn laŭlonge de kelkaj kilometroj.



## NUEVA CALLE DE ESPERANTO



Con gran satisfacción podemos comunicar que a la lista de capitales de provincia que dieron el nombre de Dr. Zamenhof o Esperanto, a una de sus calles, se ha añadido una nueva capital: GERONA.

Si todas las calles que se dedican a la Lengua Internacional o a su creador nos llenan de satisfacción, en este caso nuestra alegría es mayor.

Desde que en la Junta general que la Federación celebró el día 23 de julio de 1964, en Valencia, con motivo de nuestro Congreso Jubilar, se acordó rendir un homenaje al Padre José Casanovas, la Directiva de la Federación ha sentido el deseo de que en Gerona hubiera una calle dedicada al Esperanto, ya que sabíamos —pues así nos lo había manifestado el mismo Padre Casanovas— que la consecución de este deseo suyo, sería el mejor homenaje que pudiéramos dedicarle.

La muerte del Padre Casanovas nos hizo sentir más firme este deseo suyo, y la estrecha colaboración de los antiguos y nuevos esperantistas gerundenses con la Directiva de la Federación ha hecho que al fin se vea convertido en realidad.

Nuestro sincero agradecimiento al Excmo. Ayuntamiento de Gerona. Y... nuestro recuerdo emocionado para el Padre José Casanovas Genover.

## BIBLIOTECA ARCHIVO DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

Desde que en enero de 1964, el Comité de Redacción de BOLETIN, de acuerdo con la Directiva de la Federación, creó la Biblioteca de la misma, unida a su Archivo, puede que alguno os hayáis preguntado, en qué quedó aquel proyecto, aunque en realidad, salvo con alguna excepción, ninguno escribió interesándose por la naciente Biblioteca.

Hoy, esa Biblioteca es una realidad aun cuando muy modesta, no por la categoría de los libros en ella existentes, sino por el número de los mismos. Ha llegado, pues, el momento de que en mi calidad de Secretaria de la Federación Española de Esperanto, Redactora de BOLETIN y encargada de la Biblioteca, agradezca públicamente a los señores que con sus aportaciones, en los comienzos, nos ayudaron y alentaron en nuestra empresa, publicando aquí sus nombres: Dr. Sadler, de la Biblioteca "Hector Hodler" de U.E.A.; don Francisco Crespo, de Zamora, y don Angel Díez García, de Valladolid (en aquel tiempo residente en Saldaña (Palencia), quienes enviaron libros, revistas y folletos en Esperanto; don Diego Ruiz Herrero, de Córdoba, quien envió el interesante libro "Nuevos Métodos en la Enseñanza de Idiomas"; don Manuel Ruíz Maza, de Madrid, quien hizo su aportación en metálico.

La Directiva de la Federación quiere agradecer también de un modo especial al Comité de Redacción de Boletín, que inició la Biblioteca, y en modo particular a don Nicolás López Escartín.

La Biblioteca en la actualidad tiene 115 libros más colecciones de revistas, folletos, etc.

*INES GASTON*

### DONATIVOS PARA BOLETIN

| | | Ptas. |
|---|---|---|
| *Suma anterior* | | 7.145 |
| V. Ortiz Gratal | *Zaragoza* | 95 |
| R. Roca | *Barcelona* | 25 |
| Gpo. «Stelo de Paco» | *Barcelona* | 500 |
| M. Manteca | *Icod de los Vinos* | 75 |
| J. Alberich Jofre | *Barcelona* | 100 |
| T. Alberich Jofre | *Barcelona* | 100 |
| J. Comas Palomas | *Manresa* | 100 |
| Un esperantista | *Barcelona* | 1.850 |
| V. Pérez Torres | *La Cuesta* | 360 |
| M. Luis Dorta | *La Cuesta* | 360 |
| *Suma y sigue* | | 10.710 |

*De kiam okazis la 53-a Universala Kongreso en Madrid, multaj samideanoj —hispanaj kaj eksterlandaj— demandis al ni, ĉu la Estraro de H.E.F., okaze de la Kongreso, iniciatis demarŝojn en la Unuiĝintaj Nacioj.*

*Nia respondo al tiuj samideanoj devas esti nea; okaze la Universala Kongreso, estas U.E.A. —kaj ne Landa Asocio— kiu devas agi laŭ sia bontrovo ĉe Oficialaj Organizoj.*

*Dum la jaro de Internacia Kunlaboro, okaze de nia 26-a Hispana Kongreso de Esperanto, Hispana Esperanto-Federacio, sendis saluton al la Generala Sekretario de U.N.*

*Jen fotokopie, la kopio de nia letero kaj la respondo tiam ricevita.*

Z- Palencia (España) -20 julio 1965

Sr. U Thant
NACIONES UNIDAS
Nueva York (U.S.A.)

Estimado señor:

Con motivo de su Congreso anual, la Federación Española de Esperanto -Entidad que agrupa en su seno a los esperantistas de España- se complace en expresar a Vd. el firme apoyo de su Directiva y miembros a los esfuerzos de la O.N.U. para la intensificación de la colaboración internacional. Con este fin, en todos los números de su revista bimensual BOLETIN, ha publicado articulos, en esperanto y español, tendentes a informar, de un modo fidedigno, a la gran masa de esperantistas y simpatizantes, acerca de las actividades, propósitos y realizaciones de la O.N.U. a través de las diversas organizaciones que la componen.

Conscientes, sin embargo, de las grandes dificultades y problemas,que para la realización de las tareas y objetivos de la O.N.U., presenta la diversidad lingüistica, nos permitimos someter a su consideración la solución que a ello presenta la lengua ESPERANTO, cuya innegable utilidad y viabilidad ha sido demostrada a escala mundial en los numerosos Congresos, tanto nacionales como internacionales, ocurridos hasta la fecha.

Reiterando nuestro más firme apoyo a los esfuerzos de esa digna organización, y con el deseo de que 1.965 AÑO DE COLABORACION INTERNACIONAL, obtenga el éxito que todas las personas de BUENA VOLUNTAD desean, y nuestro angustiado mundo precisa, nos reiteramos de Vd.,

muy atentos seguros servidores
POR LA DIRECTIVA DE H.E.F.

Inés GASTÓN (Frau)
SECRETARIA

# ESPONDO




EXECUTIVE OFFICE OF THE SECRETARY-GENERAL
CABINET DU SECRETAIRE GENERAL

PU 212 SG

30 julio 1965.

Muy señora mía:

En nombre del Secretario General, me complace dar a Vd. y a los directores de la Hispana Esperanto Federacio las gracias por su carta del 20 de juilo de 1965, por su expresión de firme y continuo apoyo a los esfuerzos de las Naciones Unidas y por sus esperanzas de que tenga éxito el Año de la Cooperación Internacional. Los sentimientos que Vds. tan gentilmente han expresado son dignísimos de aprecio porque trasuntan la postura internacional que se sabe comparten las personas que cultivan el esperanto. Ello no obstante, tengo la seguridad de que comprenderán Vds. que el empleo del esperanto en los asuntos de las Naciones Unidas como uno de sus idiomas de trabajo debe seguir siendo asunto librado a la iniciativa y eventual decisión de los Estados Miembros de la Organización.

Salúdale muy atentamente,

C. V. Narasimhan

C. V. Narasimhan
Jefe de Gabinete

Señora Inés Gastón
Hispana Esperanto Federacio
Zaragoza
Palencia, España

## D. Julián de Maguregui

Tiu-ĉi simpatia vaska samideano, post longa senforteco, forpasis en BILBAO pasintan jaron postlasante multajn geamikojn kiuj tre sincere kondolencis pro lia morto. Fidela membro de la Bilbao'a Esperanto-Grupo k. de nia Federacio ĝismorte li partoprenis, malgraŭ jam tro alta aĝo, multajn aranĝojn k. ekskursojn de la Bilbao'a Grupo. Li pace ripozu!

Sinceran kondolencon al liaj gefamilianoj k. al la Bilbao'a Esperanto Grupo.

## D. Jesús Morán Alvarez

Neatendite mortis ankaŭ la membro de la Bilbao'a Esperanto-Grupo, nia blinda samideano S-ro Jesús Morán Alvarez, kies nevino estas unu el le plej aktivaj membrinoj de la sama Grupo, plena je entuziamo por niaj ideoj. Li ankaŭ ripozu pace!

Ni elkore esprimas nian kondolencan senton al liaj gefamilianoj same kiel al la Bilbao'a Grupo.

## D. Juan Artagoitia Artagoitia

Nia malnova samideano Juan Artagoitia Artagoitia ankaŭ forpasis en Bilbao, la 30-an de aprilo de 1969-a. Tre modesta samideano, socie k. ekonomie, li tamen ĉiam restadis fervora k. klopodadis paroli en Esperanto en ĉiu okazo.

Ankaŭ ĉi okaze ni sendas nian plej sinceran kondolencon al liaj gefamilianoj. PACAN RIPOZON AL LI!!!

*L. de O.*

## GRAMATIKAĴOJ

*Iuj rimarkoj pri la metriko en "La vojaĝo de la Maorioj al Novzelando" (Brendon Clark) — Stafeto: 1958. Paĝoj 379/85.*

Simpla ordinara kalkulado de silaboj en la versoj de ĉi tiu verko mirigos onin pro tio ke inter plejmulto de 18-silabaj, aperas dudektri 17-silabaj, kvar 16-silabaj, unu dudekunu-silaba kaj, eble pro eraro, unu deknaŭsilaba.

Tamen, zorga skandado de la verko montras ke, escepte de la deknaŭsilaba, ĉiuj ĝiaj versoj belritme kongruas inter si.

En ĉi tiu verko ĉiu 16/18-silaba verso konsistas el du hemistikoj. Ordinare ambaŭ hemistikoj estas naŭsilabaj kaj, kompreneble, la versoj estas 18-silabaj; sed la poeto, instinkte divenis aŭ orelfajne rimarkis ke se la unua silabo de hemistiko estas akcenta, tiam ĝia longeco kompensas la mankon de antaŭa neakcenta silabo.

Kaj tio okazas pro tio ke en la naŭsilabaj hemistikoj la unua (neakcenta) silabo apenaŭ sonas:

"Rimarkis la suban averton / observis la velan ŝveladon" dum en la oksilabaj hemistikoj la unua (akcenta) silabo plenplene sonas:

"Vane kantadis sorĉistoj / vane ni petis la diojn".

Pri la escepta dudekunusilaba verso, ni povas konstati ke ĝi konsistigas paŭzon en la dirado.

Nur, laŭ mia opinio, oni devus skribi *Hawajki* aŭ *Hawai* anstataŭ *Hawaiki*: Kroma silabo tute rompas la ritmon de la koncerna hemistiko.

Eble ĉi tiu diverseco en la silabnombro aperas en aliaj poeziaĵoj; sed ekster la ĉisupraj cirkonstancoj, la ritmo nepre suferas.

*E. Maynar*

# EL CID CAMPEADOR

*Rodrigo Díaz de Vivar naskiĝis en Vivar, Burgos, ĉirkaŭ la jaro 1043 kaj mortis en Valencio en 1099.*

*Sur la batalkampo, luktante kontraŭ la maŭroj, li gajnis la honoran kromnomon Kampeador, kiu signifas elstaran militiston. La nomo El Cid devenas de Sidi, sinjoro en araba lingvo.*

*El Cid estas la plej grandioza figuro el la hispana Mezepoko, kaj tiel ĝin komprenis la popolo kaj multaj verkistoj de diversaj tempoj kaj nacioj, kiuj enmetis lian nomon kaj farojn en la literaturon.*

*Ni memoru "El Cid"; de Corneille, versa tragedio en kvin aktoj. Rodrigo de Vivar kaj Ximena sin amas reciproke. El Cid mortigas en duelo la patron de la amatino, kiu estis ofendinta la lian. Ximena petas al la reĝo, ke li punu Rodrigon je militado kontraŭ la maŭroj. De tie revenas Rodrigo venkinta kaj ŝin edzinigas. Corneille sin inspiris en la "Romancero" kaj en la Unua parto de "La juneco de l' Cid", de Guillén de Castro.*

*Ni prezentas nun poezion de Manuel Machado, hispana poeto mortinta en 1947. La poeto priskribas la marŝadon de Rodrigo kaj liaj sekvantoj tra la stepoj de Kastilja, ekzilite de la Reĝo, kiu malpermesis al siaj regatoj helpi Rodrigon kaj liajn fidelulojn.*

## *KASTILJA*

*Blindiga sun' rompiĝas*
*kontraŭ la randoj akraj de l' armiloj*
*vundas per lum' la ferajn brustkovrilojn*
*kaj flamiĝas sur pinto de la lancoj.*

*Blindiga sun', soifego kaj laciĝo...*
*Tra la terura stepo de Kastilja*
*al ekzilo, kun dekdu plej fidelaj*
*—polvo, ŝvito kaj fero— El Cido rajdas.*

*Fermiĝis la gastejo surde-mute.*
*Silent' respondas. La pomo de la glavoj*
*kaj pinto de la lancoj la pordaĉon*
*rompos jam. Ardas sun', aero flamos!*

*Al la frapad' terura,*
*raŭkesona, purega voĉ' respondas*
*arĝenta kaj kristala.*

*Knabino fragila kaj tre blanka*
*sur sojl' aperas.*
*Ŝi estas bluokula, kaj surokule larma.*
*Or-pala harar' nimbas la vizaĝon infanan*
*kaj timantan.*

*Bona Cid, iru jam. La reĝo nin mortigos,*
*detruos nian domon,*
*kaj per salo senfruktigos la terpecon*
*de patro ŝvitplugatan.*
*Foriru, Cid, vin helpu la Cielo.*
*En nia perdo vi nenion gajnas.*

*Mutiĝas knabin' kaj ekploras silente.*
*Infan-singulto tra la skadro audiĝas*
*de feraj kavaliroj,*
*kaj voĉo nefleksebla "Antaŭen!" krias.*

*Blindiga sun; soifego kaj laciĝo...*
*Tra la terura stepo de Kastiljo*
*al ekzilo —kun dekdu plej fidelaj*
*—polvo, ŝvito kaj fero— El Cido rajdas.*

*MANUEL MACHADO*
*(Tradukis JES)*

## U.E.A. EN KONFERENCO EN BOMBAJO

Kiel asocia membro de F.I.O.C.E.S. —la internacia federacio de organizaĵoj por lernejaj korespondo kaj interŝanĝo— U.E.A. partoprenis en grava konferenco en Bombajo, kiu okazis fine de decembro. La konferencon ĉeestis pli ol 100 delegitoj el landoj de sud-orienta Azio kaj el Eŭropo. Nome de U.E.A., ĉeestis S-ro S. V. Pimpalkhare, kunlaboranto de la Informa Fako de U.E.A.

La konferenco, kiun alparolis i.a. du ministroj de la Hinda Registaro, laboris en 3 komisionoj, el kiuj unu estis dediĉita al la lingva demando. Rezulte de studo pri "Korespond-amikeco kaj lingvo-lernado", kiun prezentis la delegito de U.E.A., la komisiono akceptis rezolucion, kiu rekomendas Esperanton por korespondado.

## NOVAJ TITOLOJ EN LA SERIO "ORIENTO-OKCIDENTO"

Post nelonge aldoniĝos du novaj titoloj al la konata serio "Oriento-Okcidento", en kiu aperadas sub aŭspicio de U.E.A. valoraj verkoj el la nacilingvaj literaturoj de Oriento kaj Okcidento. Sub la numero 10 aperos antaŭ la Kongreso en Helsinki La Nobla Korano, tradukita rekte el la araba originalo de itala orientalisto, D-ro Italo Chiussi. La impona, pli ol 600-paĝa volumo, enhavos paralele presitaj (kiel en "La Dia Komedio" de Dante) la araban originalon kaj la Esperantan tradukon. Subvencio de la islama movado Ahmadijja ebligis fiksi la prezon tre malalta: 20,— kuldenoj plus sendokostoj. Speciala faldfolio pri la eldono estas senpage ricevebla ĉe la Libroservo de U.E.A.

## ĈEFVERKO DE GOETHE

Post la Nobla Korano viciĝos verko okcidenta: la elstara romano "Suferoj de Werther" de la germana verkisto Goethe. Jam Zamenhof iniciatis la tradukadon de Goethe, kaj pluraj liaj verkoj aperis en la Internacia Lingvo —kelkaj eĉ jam en pluraj eldonoj. Sed la romano "Werther", kies sensacia sukceso unue famigis la aŭtoron, devis atendi ĝis hodiaŭ sian tradukanton: la ĉef-delegito de U.E.A. Reinhard Haupenthal.

## EN 1970: KONGRESO DE U.E.A. EN VIENO

La Universala Kongreso de Esperanto okazos en la venonta jaro en la bela ĉef-urbo de Aŭstrujo, Vieno. La simpatia urbo de Strauss formos harmonian kadron por la plej granda kaj plej grava kunveno de Esperanto-parolantoj. Ĝi ankaŭ kontrastos kun la norda karaktero de Helsinki, kie okazas la 54-a Kongreso.

# TUTMONDA ESPERANTISTA JUNULARA ORGANIZO

## N.E.J.O.-KOMISIONO

Junaj esperantistoj kiuj interesiĝas je volontula laboro, jen estas unika kaj entuziasmiga tasko por vi: instrui la internacian lingvon en labortendaroj en Francujo aŭ Nederlando.

Se vi ne jam kapablas instrui, vi povas helpi la instruanton per praktikigo de la lingvo: amuzi, kantigi, ludigi la lernantojn en Esperanto, prepari teatraĵetojn kaj aliajn.

Se vi kapablas nek instrui, nek amuzi, restas la ebleco partopreni kiel helpanto.

Por sciigi viajn dezirojn (en kiu lando, organizaĵo, periodo vi ŝatus helpi) kaj por peti informojn, skribu al:
F-ino LEROUX Marie Jeanne. 21, Allée Gabriel. 94 - CHOISY-le-ROI. Francujo.

## 29ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

*Omaĝo al Prof-oj Dro. J. Maynar kaj Dro. E. Serra*

Informoj pri tago kaj loko, aperos en la Kongreslibro.

*Akceptoservo*

La kongresanoj, kiuj mendis loĝejon per ni kaj volas, ke oni ilin akceptu kaj konduku al siaj respektivaj lokoj, povas rekte anonci al ni, letere aŭ karte, per kiu ŝipo aŭ aviadilo kaj proksimume je kiu horo ili alvenos, kaj tiam ni klopodos ilin helpi.

*L. K. K.*

## 11ª BARCELONO-PROVINCA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

*okazonta en Les Fonts de Terrassa la 22-an de junio 1969*

PROGRAMO:

Je 9,00 h. — Renkontiĝo de la gepartoprenantoj antaŭ la Preĝejo, en Avenuo Parramón.

10,00 h. — Meso kun prediko en Esperanto. Celebros Patro Claramunt Cch. P. kaj predikos Patro Casanoves O.M.F. Sekve ĝenerala fotografado.

11,30 h. — Inaŭguro de strato "Esperanto".

13,00 h. — Parolado pri "La libro en Esperanto" de S-ro Gabriel Mora i Arana el Manresa.
Sekve projekcio de la filmo en Esperanto "Testo Fiat 124". (Ambaŭ aranĝoj okazos en la restoracio mem).

14,00 h. — Kunmanĝado en Restoracio Palet.
Poste okazos balo en la restoracia teraso.

# VORTARA AMUZAĴO

## N.º 1

La unuaj kaj poste la kvaraj literoj de la vortoj kies difinon vi trovos ĉi sube, formas laŭ la sama ordo, konatan proverbon:

1) Monatnomo; 2) Manĝaĵo; 3) Trudi admiron; 4) Sola; 5) Lakteca fluaĵo; 6) Ebla konstanta loĝejo; 7) Percepti per la oreloj; 8) Raguo el bovaĵo; 9) Scienco pri la strukturo de la organismoj; 10) Miriga pro ĝia neofteco; 11) Glaciiĝinta roso; 12) Fermento trovebla en migdaloj; 13) Vegetaĵo kun forta odoro; 14) Militista taĉmento; 15) Homo kiu penas plenumi taskon.

## N.º 2

La unuaj kaj poste la kvaraj literoj de la vortoj kies difinon vi trovos ĉi sube, formas laŭ la sama ordo, konatan proverbon:

1) Simila; 2) Harmonio rezultanta el proporcieco; 3) Karakteriza eco; 4) Vegetaĵo kun grandaj, ordinare violaj, floroj; 5) Oficiala oficisto; 6) Parto de la homa korpo; 7) Muzikaĵo je malrapida movo; 8) Oficiale akceptigi; 9) Mikroskopa organismo 10) Homido; 11) Malmola grizeta metalo; 12) Plibeliga aldona detalo; 13) Figuro representanta abstraktan ideon; 14) Herbo por kataplasmoj; 15) Omnibuso sur reloj; 16) Produktanta; 17) Delikata kaj brila fadeno; 18) Bulforma medikamento.

SERĈU LA PROVERBOJN

# LA DIABLO EN SACERDOTSEMINARIO

*Juan Albizu*

Estis kolegiano en la Seminario el Pamplono, el la plej bonkondutaj kaj samtempe el la plej lertaj kaj graciaj.

Li projektis regali du siajn kunlernantojn intimajn amikojn, je la datreveno de sia naskiĝo; kaj tiucele, la antaŭtagon, li mendis al alia ekstera amiko la aĉeton de ses kuketoj, botelo da vino el Jerez kaj skatoleto da cigaredoj, donante al li jenan precizan ordonon "Kiam la horloĝo de la seminaria turo sonigos la dekan vespere, mi malsupren ĵetos ŝnuron tra la fenestro de mia ĉambro; ligu bone la tenilon de la korbo kaj la ceteron mi faros.

Efektive, je la sono de la deka horo en la horloĝo de la turo, la kolegiano ĵetis la ŝnuron tra la fenestro de sia dormoĉambro kiu altis tri etaĝojn: La eksterulo, kiu ankaŭ estis tre akurata, ligis la tenilon de la korbo per ekstremo de la ŝnuro kaj ĝi eksupreniris.

Sed... Sinjoro Direktoro estis elirinta laŭkutime por inspekti la koridorojn je la horo de la enlitiĝo de la kolegianoj, kaj hazarde, li staris antaŭ la fenestro de la unua etaĝo, perpendikla laŭ tiu de la interna kolegiano, kiam la korbeto preterpasis ĝin. Instinkte, la Direktoro eltiris la manojn kaj prenis la kontrabandon el la korbo malligante la ŝnuron.

Sekve la Direktoro supreniris rapide al la tria etaĝo por surprizi la friponetan kolegianon. Tamen, ĉi tiu konstatinte ke la korbo ne supreniris, supozis tion kio okazis: forĵetis la ŝnuron tra la fenestro por ke ĝi ne estu atestilo de lia petolaĵo, kaj enlitiĝis ne senvestiĝinte sin por gajni tempon, kaj ŝajnigis profundan dormon, neforgesinte estingi la kandelon por pli bone mistifiki...

Apenaŭ forpasis minuto, kiam la Direktoro eniris la ĉambron, lumigis la kande lon kaj li vokis kviete —knabo!!... knabo!!...— Uuuu... kio... kiu... uuu... kio okazas? Kaj samtempe forviŝis siajn okulojn kvazaŭ li penus vekiĝi.

—Ŝajnas ke vi estas en profunda dormo, ĉu ne?

—Jes sinjoro; mi estis sonĝanta...

—Kion vi sonĝis?

—Ja, mi sonĝis, ke mi eltiris animon el la purgatorio per ŝnuro; sed la diablo eltiris siajn manojn tra la fenestro, tranĉis la ŝnuron kaj la malfeliĉa animo ree falis en malliberecon, bedaŭrinde!!!

Sinjoro Direktoro kiu ridis malofte, eliris el la ĉambro brue ridante, malsupreniris, traserĉis la korbon kaj renkontis en ĝi, kukojn, botelojn kaj cigaredojn krom salutkarto per kiu la eksterulo diris al kolegiano: "Jen vian mendon; mi gratulas vin je la datreveno de via naskiĝo, pasigu agrablan tagon kune kun viaj amikoj".

Leginte tion, Sinjoro Direktoro diris al si. "Laŭŝajne, morgaŭ estas lia naskiĝdatreveno; kompatinda knabo!!! Li pensis pasigi agrablan tagon kaj male, li pasigos ĝin malĝoje".

La sekvantan matenon je la eliro de la klasejo la knabo eniris sian ĉambron kapkline kaj mediteme sed, surprize, li trovis sur la tablo pleton kun du dekduoj da kukaĵoj krom karteto de sinjoro Direktoro kiu sur ĝi estis skribinta. "Vi pasigu feliĉan tagon, kaj vi ne ĉagreniĝu; mi pardonas al vi la petolaĵon insulti min kiel diablon".

Tiu tago estis por la kolegiano la plej feliĉa tago de la ceteraj de sia kariero...

*El "Gradigitaj Legaĵoj"*

*Trad. Emilio García*

# NIAJ GRUPOJ



*Grupo* "FIDO KAJ ESPERO"

## FINO DE LA ELEMENTA KURSO DE ESPERANTO

La Grupo "Fido kaj Espero" de Valladolid, celebris la 22-an de Aprilo feston okaze de la fino de la Elementa kurso kiu okazis ekde la monato Oktobro kun granda sukceso.

Je la sepa horo kaj duono, okazis frata vespermanĝo kun ĉeesto de la Prezidanto de la Grupo, S-ro Gil Contreras, la gvidanto de unu el la Elementaj kursoj S-ro Luis Hernández, gelernantoj kaj aliaj gesamideanoj.

Unue parolis S-ro Hernández por gratuli al la gelernantoj la ĉeeston al la kurso kaj kuraĝigis ilin sekvi sur la vojo komencita por perfektigi la scion de la internacia lingvo. La Prezidanto donacis al la gelernantoj, nome de la Grupo, la esperantan stelon, emblemo de Esperanto. Poste komenciĝis la vespermanĝo.

Tiu agrabla festeto finiĝis je la naŭa horo, en ĝojplena etoso kaj oni tostis kun ŝaumvino "Verda Stelo".

*M. R. Urueña*

## BILBAO-A ESPERANTO-GRUPO

La 4-an de majo 1969-a okazis la ĉiujara ĝenerala kunsido de tiu-ĉi malnova Grupo, kiu jam atingis la 63-an jaron de ekzistado.

Estis elektita nova Komitato por la jaro 1969-a, kiu konsistas el jenaj gesamideanoj.

Prezidanto, S-ro Julio J. Juanes Sainz; Vicprezidanto, S-ro Luis María de Barandiarán y Saráchaga; Sekretario, S-ro Eduardo Larrouy y López; Vicsekretario, F-ino María José Burgos Villegas; Kasisto, S-ro Ramón Imatz Maruri; Vickasisto, S-ro Francisco García López; Voĉdonantoj, S-ro Rafael Palacios Herranz, Pedro Molina Mínguez, José Luis Bringas Tellechea, Luis de Otaola Faón kaj Gabriel Ruiz.

Ankaŭ oni elektis kiel honoran Prezidanton Sinjoran Moŝto don Pedro de Ikaza y Gangoiti, Vicgrafo de Moreaga de Ikaza k. Markizo de Casa Ikaza pro unuanima aklamado, dankante liajn altmeritajn servojn al la Bilbao-a Esperanto-Grupo.

*PACEMULO*

La Bilbao-a Esperanto-Grupo, kiu ĵus festis la 63-an datrevenon de sia ekzistado, decidis aĉeti specialan radio-aparaton kiu taŭgos speciale por aŭskulti la radio-elsendojn el Varsovio, Berno, Romo k. aliajn radioelsendojn en Esperanto.

Antaŭvideble, sep bilbaoaj gesamideanoj partoprenos la 29-an Hispanan Kongreson de Esperanto en LA LAGUNA (Tenerife).

Nia juna k. entuziasma samideano S-ro José Luis Bringas Tellechea, membro de la Direktanta Komitato de nia Grupo kaj altŝatata gvidanto de nia ankoraŭ daŭranta kurso de Esperanto, intencas organizi dummatenajn promenadojn ekde la 25-a de majo ĝis fino de l' venonta junio NUR POR PRAKTIKI ESPERANTON dum ĉiuj dimanĉoj aŭ festotagoj.

*OTAOLA*

---

**54-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO**

**Okazonta en Helsinki de la 26. VII - 2. VIII 1969**

**Sub la Alta Protektado de**

**D-ro Urho Kaleva Kekkonen, Prezidanto de Finnlando**

**Konstanta adreso: Nieuwe Binnenweg 176. ROTTERDAM - 2. Nederlando.**

---

## ✳ Ni legis por vi...

*Teo Jung: Tri homoj flugis al Luno... sed mondlingvanoj kverelas.* 24 *kvarformataj paĝoj* (ĉ. 20 × 27 *cm.*). *Prezo gld.* 2.25, *plus gld.* 0.25 *por sendkostoj. Eldonis: Heroldo de Esperanto, Harstenhoekweg* 223, *Scheveningen, Nederlando.*

Per tiu titolo la aŭtoro celas evidentigi la kontraston inter la teknikprogreso kaj la stagno de mondlingvismo. Li atribuas (pĝ 3) al kvereloj inter la adeptoj de diversaj lingvoprojektoj kaj al kvereloj inter la adeptoj de unu sama (ekz. Esperanto, pro la participoj) la kaŭzon de nia nevenko. Li pledas (pĝ 5) por kunlaborado ne nur de esperantistoj kun esperantistoj, sed de esperantistoj kun la adeptoj de la diversaj projektoj por trovi la plej rekomendigan mondlingvon, kaj li vokas ĉiun kapablulon partopreni tian laboron; li jam parolas pri la adapto de la alfabeto kaj forigo de kvar participoj. Ni legas (pĝ 6) "se ni povus esperi, nur pere de la amasoj iutage devigi la povohavajn instancojn al solvo de la interlingva problemo, tiam ĝuste KIEL EBLE PLEJ SIMPLA KAJ FACILE LERNEBLA projekto havus la plej bonan ŝancon", kaj pli malsupre: "Sed ĝuste la ŝajna simpleco de la Zamenhofa projekto kaj la libera ludo per la elementoj, precipe per la afiksoj, fascinis la unuajn interesatojn kaj altiris pli postajn adeptojn". Li asertas (pĝ 8) ke "la plej bona solvo" bedaŭrinde ankoraŭ ne ekzistas: ankoraŭ ne estas konstruita la Ideala Lingvo, sendependa de ia nacia lingvo, do centprocente neŭtrala kaj sekvas: "pri ĝi cerbumis plurajn jarojn en mia juneco".

Pli poste (pĝ 11) li diras, ke "la kerno de la disputo troviĝas *ĉe Zamenhof mem*". Nun, kurioza kontrasto: "La gramatiko de D-ro Zamenhof proponas relative *simplan, facilan, klaran, regulan* kaj kiom eble *racie-logikan* interkomprenilon" sed (pĝ 12) "Zamenhof ne malofte deviis de sia propra regulo" kaj li avertas (pĝ 13): "50 jarojn post la morto de Zamenhof oni klopodas returne kurbigi racian evoluon! Ĉu oni povas interesiĝi pri tio, kiel Zamenhof antaŭ 60, 70, 80 jaroj uzis iun aŭ alian formon?" Li insistas admone (pĝ 17) "tute ne necesas, pli ol 50 jarojn post la morto de Zamenhof, ke ni sekvu en ĉio senkritike lian personan lingvouzon" kaj li, por pravigi sin, prezentas kolekton de malbonaj frazoj de Zamenhof; tamen li konsentas (pĝ 16): "ATA = nefinita, ITA = finita. Tio en si mem estas akceptebla". Certe kaj nepre, ĉar kiu povas imagi la uzon de prezenco por esprimi pli ol la proksimuman mezon de la ago? Ŝajnas al mi, ke ni venis al arda punkto, al la streĉita nodo. Anstataŭ babiladi pri logiko kaj racio (tiel ofte!) pli bone estus skrapi rekte la kernon de la problemo. La frazo "Mi skribas leteron" signifas ke mi komencis skribi ĝin kaj ankoraŭ ne finis; sed tamen ne signifas ke mi finos ĝin, ĉar ial mi povus ĉesi antaŭ ol fini. Ĉu konsente? Do, la prezenco estas ĉiam senescepte ago kies komenciĝo fariĝis preterita kaj kies finiĝo ankoraŭ ne okazis. Sekve, AS, ANT, AT estas samrolaj, samsencaj, ni diru por pli bona kompreno: Ili esprimas la mezon de la agado. Tial tute prave Zamenhof konsideris ke ATA entenas daŭron, eĉ se tre malgrandan. Nun mi povas kontraŭ la demando de S-ro Lobut (pĝ 24), pri la signifo de "Mi ĵuras ke hieraŭ la fenestro estis fermita" redemandi kion signifas: "Mi ĵuras ke hieraŭ la fenestro estis fermata". Oni atentu, ke hieraŭ estis 24-horo tago, kaj mi insistas, ATA esprimas la mezon de la agado.

Pri la tempeco aŭ perfektiveco de ITA, mi uzas frazon de Jung (pĝ 18): "Kiam mi alvenis la salono estis preskaŭ plenigita". Ĉu tiu "preskaŭ plenigita" ne signifas ke la plenigo preskaŭ finiĝis, aŭ alivorte, ke la pleneco estis preskaŭ atingita? Domo preskaŭ konstruita, letero preskaŭ skribita, tute ne esprimas tempon sed perfektecon de la ago. Tiu "plenigita" havas la valoron de "plena", do, de adjektivo sen tempa signifo.

Li diras (pĝ 16) ke nun la batalkrio estas "ATA = nefinita, ITA = finita"; efektive, tio ne estas batalkrio, sed natura roko kontraŭ kiu frakasiĝos ĉies obstinaj kapoj. ATA, kiel AS, esprimas nefinitecon. (Vidu ankaŭ la hispanan gramatikon!)

Estas nebone, en recenzo argumentadi; sed kiam mi relegas (pĝ 19) la jam misfamajn frazojn, kiujn la aŭtoro baptis "Paradoksaj Ekemploj": A, "sur la strato *kuŝis* viro; liaj kruroj estis frakasitaj de bombo". B, "sur la strato *kuris* viro; liaj kruroj estis frakasitaj de bombo", kies konsistmalĝustecon mi jam pruvis en mia recen-

zo aperinta en Boletin, pri "La Esperanta Konjugacio", mi ne povas ne miri kaj ne dubi pri la sincereco, logikeco kaj racieco de la aŭtoro. Oni skribu "frakasataj" kaj vidu la rezulton: Li kuŝis aŭ kuris dum oni frakasis al li la krurojn!

Tiaj "raciaĵoj" kaj "logikaĵoj" klare mallevas la prestiĝon de homo, kiu tiel bone scias manipuli la lingvon. Tamen ŝokis min, ke en unu punkto li montriĝas pli ol itisto (pĝ 8) "Tio okazis pro la fakto ke la atakitoj kuraĝis defendi la signifon de unu gramatika regulo, kia ĝi dum 3-4 generacioj esperantistaj estis konsiderITa kaj instruITa kiel nepre korekta". La ĝusta formo estus "konsiderata kaj instruata", ĉar aktive oni dirus ke oni konsideradis kaj instruadis dum 3-4 generacioj, do, agadoj okazantaj en sama tempo de la generacioj.

Resume, tiu broŝuro nenion novan alportas krom tio, ke ĝi elspiras testamentecon; kaj post la renovigitaj atakoj al niaj ĉefaj gvidantoj kaj Akademiaj decidoj, restas al ni nur unu alternativo: aŭ akcepti la mallogikan kaj neracian uzadon de AT, aŭ atendi la subaluditan kaj verŝajne duone bakitan novan lingvoprojekton, kiu sorĉbastone konvinkos la homamasojn fariĝi adeptoj de mondlingvismo.

Ĉar en tio grakas la "sed" kaj la "tamen", mi ne povas diri Amen!

*LA NECENZURITA HUMORO. — Kolektita kaj originale verkita de D-ro Maschler Karikaturoj de H. Lerner.* 90 *paĝoj. Prezo* 70 *ptoj. Tel Aviv,* 1968.

D-ro Maschler prezentas al ni kolekton de bonhumoraj, satiraj anekdotoj plukitaj en iuj socialismaj landoj. La homoj kaj ankaŭ la popoloj uzas la ŝercojn por kritike diri tion, kion ili serioze ne ŝatas, ne povas, aŭ leĝe ne rajtas diri.

Ĉar tiuj anekdotoj aludas kaj reliefe videbligas faktojn, kiujn la koncernataj instancoj aŭ personoj volas nebuligi, ili tial estas tre ŝatataj kaj de buŝ' al orelo ili fulme penetras en la tutan landon ĝis la kaŝaj anguloj de la socio. Kie la presitaj pikoj ne estas tolerataj, tie nature la parolo fariĝas akra ponardo.

Per tiuj anekdotoj —kiujn mi kredas aŭtentaj— ni sciiĝas pri la komuneco de la homa suferado, pri la falseco de ies oficialaj eldiroj, pri la premata vero... Pro sia karaktero, la verketo plaĉos al unu leganto sed nepre malplaĉos al alia. Tamen oni ĝenerale legos ĝin kun ĝojo kaj amuzo.

La anekdotoj estas facile legeblaj, la teksto tre klara, la lingvo bona malgraŭ kelkaj makuletoj, kiel "vestaĵoj uzataj *per* (de) riĉaj virinoj". Rimarkinda estas la malofteco de artikolo LA.

Se vi volas ridi kaj sciiĝi pri... legu ĝin, samideanoj!

*Salvador Gumá*

*PAŜOJ AL PLENA POSEDO. — Progresiga legolibro de Esperanto kun lingvaj ekzercoj, de William Auld, Akademiano. Eldonis Heroldo de Esperanto. Preso: D.R.P. Warszawa. Desegnis la kovrilpaĝon Barbara Jaranowska. Antaŭklarigo de la aŭtoro. Eldonkvanto* 2.000 *ekz. Finpresita en Septembro* 1968. 19,5 × 12,5 *cm.* 237 *paĝoj. Prezo ne indikita.*

Per tridek paŝoj, tio estas, tridek legaĵoj de bonaj kaj famaj aŭtoroj, kun 185 ekzercoj, lernado per eraroj kaj la necesa vortaro, paŝo post paŝo la aŭtoro enkondukas la leganton al plena posedo de la lingvo. Tiu ĉi legolibro, pli ĝuste, tiu ĉi lernolibro ne taŭgas por komencantoj; ĝi taŭgas, ĝenerale, por ĉiuj esperantistoj amantaj la perfektigon de sia lingvoscio kaj ankaŭ, por instruistoj, ĉar oni povas ne nur ĉerpi multenombrajn ekzemplojn el ĝi, sed utiligi ĝin kiel lernolibron por progresigaj kursoj, tial ke la materialo vere abundas.

La aŭtoro celas per sia metodo, ebligi al la studentoj la kompreniĝon de ĉiu vorto, se eble, sen interveno de la proponita vortaro, por ke oni, iom post iom liberiĝu el la nacilingva pensado, profitante kiel eble plej multe la proprajn lingvokonojn de la lernantoj, pere de rezonado kaj skribado pri tre diversaj temoj.

Kiel legolibro, la tridek rakontoj, ĉiu el malsama verkisto, jen originalaj jen tradukitaj, de klasikaj kaj modernaj aŭtoroj, ampleksas literaturon preskaŭ tutmondan. Krom bone elektitajn

originalaĵojn la verko enhavas tradukojn el tre diversaj lingvoj kaj epokoj.

Bonega, tre trafa lerno kaj legolibro por progresantoj, kun klaraj presliteroj kaj bona papero, kium mi fervore rekomendas.

*BULGARIO. Mallonga skizo, de Spas Rusinov. Tradukintoj: Stefka Ĥristova, Lidia Raeva kaj Venelin Mitev. Redaktoro, Asen Grigorov. Pentristo, Doĉo Doĉev. Belarta aranĝo, Dimitr Kartelev. Teknika redaktoro, T. Janĉeva. Sofia-Press,* 1968, 119 *paĝoj.* 16 × 11 *cm.*

Anstataŭ mallonga skizo pri Bulgario, pli bone estus nomi tiun verketon "Ĉio pri Bulgario". Tiu ĉi bela lando de la Balkana Duoninsulo, lerte priskribita kun ĝia situacio, reliefo, naturaj riĉaĵoj, hidrografio, klimato, flaŭro kaj faŭno, loĝantaro kaj ĝia deveno, historio, rajtoj kaj devoj de la civitanoj, libereco de konscienco kaj konfesio, deviga kaj senpaga edukado de la junularo, ekonomio, industrio, agrikulturo, evoluo de transporto kaj komunikado, komerco, nacia enspezo kaj distribuado, senpaga sanprotektado, feriado kaj ripozo, sociala asekurado, zorgoj por infanoj kaj patrinoj, kulturo kaj arto, scienco, literaturo, gazetaro kaj libroeldonado, muziko kaj sceneja muzikarto, filmarto, artaj monumentoj de la antikvaj tracoj, helenoj, romianoj kaj bizancanoj ĝis nun, skulptaĵoj, freskoj kaj ĝenerala pentrarto, marmoraj kaj ceramikaj mozaikoj, arkitekturo, bibliotekoj, muzeoj, amatora artagado, korpokulturo kaj sporto, turismo, (kampadejoj, k.t.p....), per malgrandaj presliteroj ĉio estas detale raportita, kun buntaj mapoj kaj kovrilpaĝo, multaj fotografaĵoj kaj, portretoj pri elstaraj gravuloj de ĉiu epoko.

Vere, makas nenio en tiu ĉi skizo por bone koni la landon... krom iri tien kaj ĝui ties belaĵojn.

*J. Devis*

FERFABRIKOJ DE KLEMENT GOTTWALD EN VITKOVICE, Ostrava 31 Ĉeĥoslovakujo. Denove Esperanto estas uzata por komerca propagando, ĉifoje estas pere de bele prezentita faldfolio, kiun sendis al ni: Dúm Kultury VZKG ESPERANTO, Ostrava 1, CSR.

FAKTOJ PRI SVEDUJO. — Plurkolora informa folio, eldonita de la Sveda Instituto por Kultura Interŝanĝo kun eksterlando. Statistikaj informoj: januaro 1968. Tre interesa la geografia-historia skizo pri Svedujo.

SENNACIECA REVUO, Jaro 1969, numero 97, Eldonita de S.A.T., 67 Avenue Gambetta, Paris 20. Prezo: 1 US. dolaro aŭ egalvaloro.

## deziras korespondi...

USSR. — Krivoj Rog, Glavpoctamt ab. k. 18, S-ro Koba Anatolo, kiu interesiĝas pri hispana lingvo, deziras korespondi kun hispanaj esperantistoj.

RUMANIO. — Iasi-3, Aleea Rozelor, 10, sc. A ap. 4, S-ro Kikirau Constantin deziras korespondi kun hispana esperantisto.

HISPANUJO. — Zaragoza, Arzobispo Apaolaza, 32, entlo. A, F-ino María Luisa Romero, 18 jaraĝa, komencantino, deziras korespondi por praktiki, momente pere de bildkartoj.

POLLANDO. — Gniewkowo pow. Inowroclaw, Sobieskiego 27, S-ro Josef Koztowski, 48 jaraĝa satirverkisto deziras korespondi kaj interŝanĝi diversaĵojn.

JUGOSLAVIO. — Lapovo, Marŝala Tita 17, S-ro Mirko Zlatkoviĉ, deziras korespondi kun hispana esperantisto.

BULGARUJO. — Plovdiv, str. Marŝal Folbuĥin 34, S-ro Ivan Anastasov Kuzmanov deziras korespondi kun hispanaj esperantistoj.



# AKCENTREGULO

*—konsiloj al komencantoj—*

*J. Baghy*

La LINGVO servas por orelo,
La SKRIBO por okula uz',
Ĉe ambaŭ regas sama celo:
Kompreni sencon sen konfuz'.

Parolu ĉiam RITME, KLARE
Laŭ punktoj de l' AKCENTREGUL',
por ke ne mise, ne erare
perceptu vortojn proksimul'!

Silabo *antaŭlasta* gravas
kaj en silabo la *vokal'*,
ĉar ĝi variajn longojn havas:
jen tire sonas, jen kun fal'.

Se POST VOKAL' VOKALO iras
aŭ sekvas UNU KONSONANT',
akcentvokalon iom tiras
la lerte klara parolant'.

Se KONSONANTOJ PLI OL UNU
viciĝas POST AKCENTVOKAL',
per tira ritmo ne pekumu
MALLONGAS ĜI KUN KURTA FAL'.

Se vort' SILABON UNU havas,
*mallonge, verve diru ĝin*:
kompreni ĝuste — ho, tre gravas,
distingi inter VIN' kaj VIN.

NENIAM SEKVAS DU AKCENTOJ:
ne diru: tErpom', sed terpOm',
suferus nia ritmosento:
ne kultUrhom', sed kulturhOm'.

ESCEPTOJ MANKAS, ĉar la celo
*eviti fuson per konfuz'*:
la LINGVO servas por orelo,
la SKRIBO por okula uz'!




# 29ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

· Organizita de H. E. F., okazonta en La Laguna
de la 5ª al la 10ª de julio 1969ª
Adreso de la Organiza Komitato:
Apartado 53 - LA LAGUNA (Tenerife)

*PROGRAMO*

| | | | |
|---|---|---|---|
| Sabate | 5: | 9-a horo | Kongresejo malfermita por disdono de dokumentoj, libroservo, informado ktp. |
| | | 12-a | Solena inaŭguro, kiun finos prelego hispanlingva de Prof. D-ro Miguel Sancho Izquierdo. |
| | | 18-a | Katolika meso kun prediko en esperanto. |
| | | 19,30-a | Inaŭguro de ekspozicio de Esperanto-Bibliografio en la ekspozicia salono de la Ŝparkaso de Tenerifo, La Laguna. Omaĝo de H.E.F. al Dro. J. Régulo Esp. Eldonisto. |
| Dimanĉe | 6: | 11-a - 14-a | Folklora Pilgrimo honore al Sankta Benedikto. La kongresanoj havos rezervitajn sidlokojn. Libera vizito al la kongresurboj La Laguna kaj Santa Cruz de Tenerife. |
| Lunde | 7: | 9-a | Laborkunsido de la Estraro de H.E.F. kun Delegitoj de Grupoj. Fakaj laborkunsidoj. |
| | | 12-a | Prelego en esperanto de Prof. D-ro Juan Régulo Pérez. Posttagmeze Akcepto en la urbodomo de La Laguna kun ekskurso al vidinda urbonajbaraĵo, kun regalo de la urbestraro. |
| Marde | 8: | -a | Tuttaga ekskurso al la piedo de la monto Tejde, kun regalo je tagmezo en Parador Nacional, k. revene vizito al la turisma urbo Puerto de la Cruz, kun regalo de la urbestraro. |
| Merkrede | 9: | 9-a | Laborkunsido de la Estraro de H.E.F. kun Delegitoj de Grupoj. Ekzamenoj. |
| | | 12-a | Akcepto en la urbodomo de Santa Cruz de Tenerife. |
| | | 16,30-a | Ĝenerala kunveno de H.E.F. |
| | | 19,30-a | Prelego en esperanto de S-ro Giordano Moya Escayola. |
| | | 22-a | Oficiala bankedo. |
| Ĵaŭde | 10: | 9-a | Vizito al cigarfabriko en La Laguna, organizita de la L.K.K. |
| | | 11-a | Prelego hispanlingva de D-ro Rafael Herrero Arroyo. |
| | | 12-a | Solena fermo. |
| | | 16-a | Libervola vizito al la petrolrafinejo de Santa Cruz de Tenerife, organizita de la L.K.K. |

TIP. C. BOLOIX - REINA FABIOLA, 7.- ZARAGOZA